




4/2004
Junio/Julio

# Eŭropa Festo 2004

Kun la moto "unuigita en multfaceteco" en Hamburg oni festis de la 23a de Aprilo ĝis la 2a de Majo la pligrandiĝon de EU. Ankaŭ Esperanto estis prezentita dum tri tagoj en tendo (Ni nur povas fari tion kiam niaj membroj havas tempon). Sed la atenton de la publiko ankaŭ kaptis *Ralph Glomp* per kantado kaj prezentado de Esperanto dum du tagoj.



La Eŭropa Festo kun scenejo antaŭ la urbodomo. Foto: Staatliche Pressestelle/Koch

**Editoraĵoj**
Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg
Tel/Faks: +49 40 250 30 65

**Schnupperkurs**
Sabaton la 8an de Majo 2004, unu semajno post la Eŭropa Festo ĉe la urbodomo, en la klubejo okazis nia kutima provleciono. Fakte ĝi ne estis tiom kutima, kvankam ni regalis la

| | |
|---|---|
| Prezidanto: Jürgen Wulff<br><br>Konstanta redaktoro: Benno Klehr<br><br>Retpoŝto: Esperanto-Hamburg | gastojn per kafo kaj kuko kiel ĉiujare. Sed Jürgen Wulff en tiu ĉi kurso multe pli moderne kaj profesie prezentis nian aferon. Per prezentado de video-filmo kaj projekciado per sia privata bild-radiilo Jürgen kaptis la atenton de 5 ĉeestantoj. La nombro ŝajnas negranda, sed post la Eŭropa Semajno ofte eĉ ne unu venis dum pasintaj jaroj. Fakte la aspekto de la stando kaj la prezentado dum la Eŭropa Festo estis pli bonaj ol en antaŭaj jaroj. Ni daŭrigu en tiu maniero.<br>BK |
| Redaktofino de<br>Esperanto HAMBURG<br>n-ro 5/04: 15-07-2004 | **Korekto**<br>En la nekrologo pri Monika Jessel oni trovas kiel jaron de la naskiĝo 1927, sed la ĝusta naskiĝdato estas la 6a de Julio 1929. Do Monika ne estis en la 77a sed en la 75a vivojaro.<br>Benno Klehr |
| **Sentenco**<br><br>Tiu, kiu serĉas la veron,<br>riskas trovi ĝin<br><br>Manuel Vicent<br>Hispana verkisto | Das Klubhaus ist donnerstags ab 19 Uhr 30 geöffnet. Gäste sind immer willkommen!<br>La klubodomo estas malferma ĵaude ekde la 19:30 h. Gastoj ĉiam estas bonvenaj! |

---

## Nia programo

| Junio 2004 | Julio 2004 |
|---|---|
| **3** Partoprenintoj raportas pri la **GEK en Neubrandenburg**<br><br>**10** *Ralph Glomp:* **"Nokto iĝas tag'" nova disko**<br><br>**12** **Kuirkurso** (vidu sube)<br><br>**17** *Werner Bormann:* **La Humanisto Zamenhof** (vidu sube) | **1** *Benno Klehr:* **Stiloj kaj tempoj en konstruarto**<br><br>**8** *Mariko kaj Gerald* **Sankta Semajno kaj Alhambra**<br><br>**13** *Fervojistoj* **Ekskurso: Wedel**<br><br>**15** sen programo<br><br>**29** Preparado de ekspozicio |

| | |
|---|---|
| **24** sen programo<br><br>**25-27** Finow-kanal-kunveno | **Du und Deine Welt** |
| **Prelego de Werner Bormann**<br>*Ein polnischer Humanist: Zamenhof und die Völkerverständigung*<br>Tre interesa prelego, okazinta la 28an de Aprilo kadre de la Eŭropa Semajno en Germana lingvo nun en ripeto por la membroj de Hamburga Esperanto Societo la 17an de Junio 2004. | **Kuirkurso de Mariko Aoshima pri Japana kuirarto**<br>Enkonduko en la Japanan manieron prepari salubrajn manĝaĵojn.<br>Sabaton, la 12an de Junio 15.00 h en la klubejo kotizo 10,- € , aliĝoj ĝis 5a de Junio en la klubejo. Oni kunportu plastan ujon por porti manĝaĵon hejmen. |



Österreichische Nationalbibliothek

Kolekto por Planlingvoj
kaj Internacia Esperanto-Muzeo
Hofburg, Michaelerkuppel
A-1010 WIEN
Tel.: (+43 1) 53 55

145www.onb.ac.at/sammlungen/plansprachen/index//htm/plansprachen@onb.ac.at

## Esperanto en la Uragano de Ideologioj

**Internacia Esperanto-Simpozio en la Aŭstria Nacia Biblioteko**

**La 8-an kaj 9-an de oktobro 2004 la Aŭstria Nacia Biblioteko en kunlaboro kun Universala Esperanto-Asocio organizos simpozion okaze de du Esperanto-jubileoj: la centa datreveno de la naskiĝo de Lidia Zamenhof (1904 - 1942) kaj la 75-jariĝo de la Internacia Esperanto-Muzeo (IEM, aligita al la Aŭstria Nacia Biblioteko en 1929).**

**Prelegos Ulrich Lins (Germanio/Japanio, ĉefpreleganto), Vilmos Benczik (Hungario), Wera kaj Detlev Blanke (Germanio), Heiner Eichner (universitato de Vieno, Aŭstrio), Alex Kaefer (Aŭstrio), Herbert Mayer (IEM, Aŭstrio), Claude Piron (Svisio).**

La historio de Esperanto kaj la sorto de esperantistoj estas firme ligita al la ĝenerala historia evoluo. Verki historion de Esperanto signifas verki kadre de la historio de la mondo. Tion montris Ulrich Lins per "La danĝera lingvo. Studo pri la persekutoj kontraŭ Esperanto". Esperanto do ne estas io ekzotika kaj marĝena, kiel foje opinias la ĝenerala publiko, sed ĝi estas integra parto de historiaj evoluoj.

Tiu fakto estas la elirpunktoj de la simpozio, kiu pritraktas la destinon de Esperanto en la politikaj-ideologiaj uraganoj de la pasinta jarcento, fokusante interalie la atenton al la sorto de Lidia Zamenhof (murdita en la koncentrejo Treblinka en 1942) kaj de la Internacia Esperanto-Muzeo (fermita en 1938 fare de la nazioj). Apud tio pritraktiĝos ankaŭ temoj, kiuj tuŝas la nuntempon: Kia estas hodiaŭ la situacio de Esperanto en la mondo? Kiel aspektas la rilato inter Esperanto kaj la nunaj politikaj regantoj? Kiel kondutu la esperantistoj en mondo, kiu almenaŭ en la publika diskurso ege malfavoras la ideon de artefarita internacia helplingvo, sed aliflanke pere de modernaj teknologioj ofertas novajn eblecojn?

Laborlingvo dum la unua duontago de la simpozio estos la germana por la ne-Esperanta publiko - la cetero disvolviĝos en Esperanto.

Paralele okazos: malfermo de ekspozicio pri la sama temo en la Internacia Esperanto-Muzeo, prezento de la noveldonita plena verkaro de Lidia Zamenhof kaj internacia **Cseh-kurso por tutkomencantoj**.
(La germana nomo de la aranĝo estas: Die gefährliche Sprache) Partoprenkotizo: 50 €, por studentoj kaj lernantoj 35 €. Aliĝo: planspracher@onb.ac.at

Re al Esperanto en Hamburg